DUA JARO. — Nº 17. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 28 JANUARO 1906.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO
**Franca Eldono :** Sº P. BERTHELOT, CÉRET, 4, P.-O. Francolando.
**Bulgara Eldono :** Sº N. D. KOVAĈEV, 40, Karavelov, SOFIA, Bulgarlando.
Por abonoj, vidu sur la alia flanko.
Nenian redaktajon sendu al la administrantoj.

REDAKTADO INTERNACIA
**Sº Ch. LAMBERT**
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.
Por nacia redaktado, vidu sur l'alia flanko.
Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.



## DIALOGO

*Esperantisto.* — Kion mi jen vidas, kara kolego ? Vi nun legas la jurnalon *Esperanto ;* mi kredis, ke vi ne povas toleri nian lingvon ?

*Malamiko de Esperanto.* — Mi ĝin nur iom lernas, per ke mi povu ĝin pli bone kontraŭbatali.

*Esp.* — Bone, vi estas prava : se homo honesta kaj senpartia intencas kritiki iun aferon, lia unua devo estas bone koni tiun aferon.

*Malamiko.* — Jes, kaj pro tio mi de kelka tempo studas la Zamenhof'an lingvon.

*E.* — Mi jam nun plezure aŭdos viajn kritikojn.

*M.* — Se vi permesos, mi komence atakos la elparoladon.

*E.* — La elparoladon ?

*M.* — Jes, vi senhalte diras, ke Esperanto estas lingvo belsona, harmonia, facile elparolebla ; nu, sincere, ĉu vi kredas, ke ĉiuj popoloj facile povas elparoli la literojn *h, ĥ, sc, ksc, ĵ* en vortoj kiel homo, ĥoro, sciuro, eksciti, jaŭdo, kc.

*E.* — Ne, sed Esperanto tute ne pretendas posedi neatingeblan perfektecon ; por ĝin juĝi oni devas ĝin kompari kun la aliaj lingvoj. Nu, vin, kiu volas altrudi la studadon de multaj vivantaj lingvoj , vin mi demandas, ĉu en niaj naciaj lingvoj ankaŭ ne troviĝas tiaj malharmoniaj literoj kaj ĉu en lernado de naturaj lingvoj oni ankaŭ ne devas penadi por bone elparoli iajn sonojn ? Nu ! ĉa tiaj malbelaj sonoj ne tiom certe troviĝas en Esperanto, kiom en vivantaj lingvoj.

*M.* — Mi komprenas : vi simple pretendas, ke Esperanto ne estas pli malbela, ol ia natura lingvo, kaj vi min memorigas al tiuj malbonaj knaboj, kiuj post riproĉinda faro, respondas : « Ho ! la aliaj ankaŭ malbone kondutis, pli malbone ol mi. »

*E.* — Mi akceptas la komparon ; sed ne forgesu, ke Esperanto estas lingvo fonetika kaj *internacia*, farita laŭ metodo scienca kaj logika, t.e. ke ĝi formas iun tuton sisteman. Kiel, ekzemple, sen la *h*, diferencus *oro* de *horo* kaj, sen la *ĥ*, *horo* de *ĥoro* kc. ?

*M.* — Tio estas ebla ; sed kion vi pensas pri esprimoj kiel *sciigi, plimallongigi, ĉiujn tiujn, kiujn*, k.a. ?

*E.* — Mi pensas, ke Esperanto plene similas aliajn lingvojn, en kiuj ankaŭ troviĝas malbelaj vortoj : mi pensas, ke tiaj esprimoj estas maloftaj, ke ili ne grande malbonigas la ceteron kaj ke ili ĝenerale estas facile eviteblaj. Oni povus, anstataŭ la diritaj esprimoj, diri ekzemple : *konigi, informi, raporti, rakonti, komuniki — pli mallonge diri, resumi — la multon de tiuj, kiujn..., ĉiujn el la homoj, kiujn...* Ne la lingvo mem, nur la fuŝskribanto estas kulpa en tio.

*M.* — Vi rajte povas min rigardi kiel fuŝanto kaj mi ne koleriĝos pro tia via malaminda epiteto.

*E.* — Ho ! mi ne aludas vin, kiu ankoraŭ ĝis nun nenion verkis en Esperanto ; sed evidente vi serĉas nur makulojn en la suno, ne vidante ĝian brilon.

*M.* — Eble, kaj mi volas ankaŭ kritiki la facilecon kaj la faman logikecon de Esperanto.

*E.* — Ĉu vi dubas ankaŭ pri ĝia logikeco ?

*M.* — Jes, vi ĉiutage diras, ekzemple : *verko* anstataŭ *verkajo, broso* anstataŭ *brosilo, teatro* anstataŭ *teatrejo.*

*E.* — Efektive ; sed tie ĉi ankaŭ Esperanto ne estas kulpa ; konsideru denove, ke ĝi estas lingvo *internacia*, t.e, ke ĝia vortaro enhavas multon da tiel nomataj *fremdaj* vortoj kiuj apartenas al preskaŭ ĉiuj eŭropaj lingvoj, kaj ke ĝi konsekvence ankaŭ devas ne tro diferenci de niaj lingvoj, kiuj pli malpli estas ĉiuj mallogikaj.

*M.* — Bone ; jen antaŭ momento la fuŝanto estis la kulpulo, kaj jen nun estas la vico de la naciaj lingvoj ; ĉu ili ankaŭ estas kulpaj pro tio, ke Esperanto estas malfacile lernebla ?

*E.* Dio granda ! Esperanto estus malfacile lernebla ? Vi min mirigas : nenia lingvo havas pli simplan gramatikon ; ĉiuj reguloj estas sen esceptoj.

*M.* — Jes, sed la plej multaj el niaj lingvoj ne posedas akuzativon, nenia alia lingvo havas kvar posedajn adjektivojn : *lia, ŝia, ĝia, sia*, nenia havas ses participojn.

*E.* — Dank'al sia akuzativo, Esperanto estas tiel fleksebla kiel la latina aŭ la greka lingvo ; per siaj posedaj adjektivoj kaj pronomoj ĝi estas pli klara ol la franca mem, kaj ĝiaj ses participoj ĝin mirinde riĉigas kaj simpligas.

*M.* — Ĝin simpligas ? Vi min mirigas, viavice.

*E.* — Jes, tiuj de vi malbenataj ses participoj estas genia eltrovo de nia majstro, kaj vi certe opinios kiel mi, se vi plue lernos Esperanton.

*M.* — Sed mi ĝin ne plue lernos ; mi ne estas fantaziulo, mi estas praktika homo. Mi ĝin nur tiam lernos, kiam ĝi estos plene sukcesinta, nur tiam, se ĝi fariĝos tutmonda.

*E.* — Tutmonda lingvo kredeble neniam ekzistos, sed helpan internacian lingvon oni certe vidos en baldaŭa estonteco, kaj ni Esperantistoj lernas kaj uzas nian lingvon, tial ke ĝi taŭgas por nia celo ; ni lernas kaj uzas ĝin, eĉ se ĝi nesupozeble estus ian tagon pereonta : astronomoj observas ja kometon, kiun ili neniam revidos.

H. BOUCON.

## DIVERSAĴOJ

### Por la uzo de Esperanto en la konsiliĝoj de la Kongresoj de Paco

La komitato de *Pacifisto*, Internacia Societo Esperantista por la Paco, petas de *ĉiu esperantisto* sendi al S-ro Gaston MOCH, 26, rue de Chartres , Neuilly-sur-Seine (Francujo) *poŝtan karton* laŭ la jena modelo :

« Mi subskribinta (nomo, nacio, profesio, adreso), petas ke la lingvo Esperanto povos esti uzata en la Kongresoj Universalaj de la Paco, por ke tiuj ĉi ne estu plu fermataj al la multegaj homoj kiuj ne scias paroli la lingvojn nuntempe permesitajn ».

Ni esperas ke S-ro Moch havos plenan keston de tiuj petskriboj kiam li prezentos ilin, en monato Majo, al kunveno de la Berna Oficejo.

Ĉiuj esperantistaj gazetoj estas tre petataj enpresi tiun avizon.

### La Lasta Mirindaĵo !

Vi ne konas *pankel* ? Bedaŭrinde : ĝi estas nova lingvo internacia. Se ĝi estas pli facila ol Esperanto, juĝu vi mem. La gramatiko estas ja similuma, sed la vortoj, ha ! la vortoj ! Kiel sendube estas facile meti en sian kapon tiujn ĉarmajn vortidetojn ! Nu vidu :

La rilato inter ĉiuj landoj estus pli facila
*kur ji ai lãni iu lêtel*
se la nacioj de la tuta tero krom sia
*v nati of ai geo ås sü*
patra lingvo nur ankaŭ tiun mondlingvon
*motkel nur c le pankel*
lernus.
*julü*

Ne miru pri tiuj vortoj ! tio provus ke vi konas nek hungaran nek turkan, nek araban lingvon ! Efektive, en celo atingi pli larĝan internaciecon, la aŭtoro ĉerpis siajn radikojn el tiuj lingvoj : lap, ma, cal, tum, fil, dem, id, kef, kiz, at, nal, don, ter, av, ak,.... iru nu do !

Tamen : töf. Vi ne konas töf ?

Aŭskultu : töf ! töf ! Vi ne komprenas ? sed ĝi estas aŭtomobilo !

* * *

En gramatiko ni kun admiro vidis ke oni faris en la nova lingvo grandajn progresojn post Esperanto. Tiel anstataŭ -et' oni metas -il'. — La participoj, anstataŭ : int' ant' ont' estas : *og' ag' ug'*. Vi ja vidas la profundan efikon de tiaj ŝanĝoj.

Sed la ŝanĝo kiu certe pli tiros la atenton de la pensuloj, estas, ke la inon oni markas per *ir' !* Vidu : *rex :* reĝo ; *rexir :* reĝino. — Malfeliĉe, al tiu belega trovajo estas esceptoj, kiujn ni ne tre klare komprenas ; tiel *leo* : leono ; *ileo* : leonino. — *mot* : patrino !

Sed kiu komprenos la fundon de tiuj elpensaĵoj *minute bakitaj*, kiel diras rusoj ? Pensu, ke en *Bolak*, oni havis 5 manierojn formi la inan sekson, kaj *unu specialan por la tiama reĝino de Anglujo !*

### Informo

En nia lasta numero ni anoncis, ke profesoro Ostwald pasos tra Parizo revenante de Ameriko, kaj ke la Grupo Pariza invitis lin.

Ni jus eksciis, ke bedaŭrinde la eminenta germana profesoro pro urĝaj aferoj ne povos trapasi Francujon dum lia reveturado. Sed en la tre afabla respondo *skribita Esperante*, kiun fraŭlino Ostwald sendis al la Prezidanto de la Pariza grupo, ŝi diris : « je alia tempo, ne tro « malproksime, ni tre esperas danki vin en « persono kaj fari uzadon de viaj multegaj « afablecoj. »

La veno de nia altestimata samideano estas do nur *prokrastita.*

### Al Legantoj

Ni tre insiste petas niajn legantojn neniel konfuzi la diversajn servojn de la organizado de *Esperanto.* Al la redaktantoj, sendu nur la respondajn redaktajojn. Al la administrantoj sendu nur tion, kio ilin rilatas ; kaj precipe al nia agento por anoncoj nenion sendu pri literaturo aŭ vendado de jurnaloj. Kvankam tio ŝajnas tre simple, okazas ĉiumomente ke ni devas interŝanĝi pakajojn da korespondajoj malĝuste adresitaj. Oni komprenas kian malfruon rezultas el tio ĉi !

Lasu ĉiun al sia metio, ni havas ja sufiĉe ĉiu kun sia proprajo.

### « Lingvo internacia »

Nia malnova centra organo komencas sian XI-an jaron (nº 133) per statistiko de la jaro 1905-a. — Tre korpremanta rakonto de Boris KOTZIN prezentas al ni du mortevunditajn militistojn, ruso kaj japano, sur kampo manĉuria, *la Kampo de la Morto*, kiuj ekscias, agoniantaj, ke ambaŭ estas esperantistoj... En la mondo venis nova sento... — Nia Béziers'a amiko S-ro REY-PAILHADE tradukas novelon : la *Templano*, kaj S-ro COMTE *la Rozo*, de Ronsard. Miksajoj sekvas

En fino ni rimarkis novan rubrikon : *Gazetaro Esperantista* kie la n-ro de la 5ª decembro de nia gazeto estas analizata.

* * *

N-ro 134 (15 Januaro) enhavas diversajn literaturajojn, kaj du ĝeneralpolitikajn artikolojn tre interesajn : *Ĥinujo refermiĝas*, de J. NAPOT, kaj *Internacia tasko de Svislando*, de H. K. B.

La Redakcio malfermas specialan rubrikon por la projektoj prezentotaj al la Kongreso : ĉar nia centra organo estas nur sufiĉe ampleksa por tio, ni lasos al ĝi tiun aferon, kiun ĝi scios senpartie raporti. Esperanto-jurnalo nur elmontros kaj defendos, se okazas, siajn proprajn projektojn.

### Esperanto en Hindujo

Iom post iom Esperanto penetras en la plej malproksimajn landojn, kies lingvoj tute malsimilas je la plej disvastigitaj en la mondo. Sed, ofte, tiu irado estas iom trompanta, t.e. ke, iafoje, Eŭropanoj kaj nur Eŭropanoj loĝantoj en la priparolitaj landoj, komencis lernadon kaj propagandon de Esperanto : ekz. Francoj en Alĝerio, Angloj en Japanujo, k.t.p.

En Hindujo penetris Esperanton en la jaro 1904-a. La 24ªⁿ de oktobro, aperis la unua artikolo por Esperanto, en la « Indian Review ». La artikolo estis angle skribita, sed per vera Hindo, S-ro ADINARAYANA CHETTIAR kiu, de tiu tempo, daŭrigis frutodonan propagandon.

Celante ĉiam ekkapti la nunecon, « Tra la Mondo » enpresas en sian 7-an numeron, interesan artikolon pri Hindujo, kiu montras ke nia samideano estas ne sole lerta propagandisto sed ankoraŭ klerulo, konante tre bone la fremdajn literaturojn.

La artikolo estas ilustrita de belegaj fotografajoj montrantaj kelkajn admirindaj specimenojn de la rimakinda hinda arhitekturo. Ni estas certaj ke, ankaŭ, tre interesos la rigardantojn la portreto de l'aŭtoro de l'artikolo, nacie vestita, kun la verda steleto sur la brusto.

La 8-a numero rezervas surprizon ; en ĝi komencos serio da artikoloj, skribitaj tiuj ĉi, de Anglo, S-ro SIMPER, loĝinta en Hindujo, pri la vivado de teoplantisto, kun rakontoj pri ekskursoj, ĉaso, sportoj hindaj, ne forgesinte la « hommanĝanton » kies postsignojn montros kurioza fotografo akompanota de multaj aliaj.

### Lingvaĵoj

S-ro Robin el Lille sendis al ni rimarkojn koncerne la uzon de l' prepozicioj *pri, al, ĝis. ĉe.*

Post interkonsento kun li, ni sendis lian skribajon al la Komitato Lingva.



## Esperantista Organiza Komitato

CIRKULERO 4-a

*I. Pri la Protokolaro de la Unua Kongreso.*

Per la helpo de la Esperantista Centra Oficejo, la Organiza Komitato publikigis broŝureton, kiu enhavas la oficialan protokolaron de la kunsidoj de la Unua Kongreso de Esperanto de « *Boulogne-sur-Mer* », kaj la nomaron de la membroj de ambaŭ oficialaj provizoraj komitatoj. Tiun broŝureton ni sendas kun tiu cirkulero, al ĉiuj membroj de ambaŭ komitatoj, al la gazetoj kaj al la societoj esperantistaj.

*II. Pri la organizo de la Dua Kongreso.*

La Organiza Komitato sciigas, ke laŭ la komisio donita de la kongreso de « *Boulogne-sur-Mer* », kaj post enketo al diverslandaj grupoj esperantistaj, ĝi decidis unuvoĉe, akcepti la inviton de Svisa Esperantista Societo, por kunvenigi la venontan kongreson en Svisujo.

Konsente kun tiu societo, kaj kun la Grupo Esperantista en Genevo ĝi komisiis al tiu lasta grupo la taskon fondi lokan komitaton, por helpi la organizadon de la kongreso, en tiu lasta urbo.

Tiu loka komitato devos sin okupi, post interkonsento kun la Organiza Komitato, pri la starigo de la parto de la programo, kiu koncernas la festojn, ekskursojn kaj akceptojn, kiuj estos enmetotaj en la kongresaj tagoj, rezervante sufiĉan nombron da kunsidoj por la laboroj de la kongreso.

La Organiza Komitato, konsente kun la Lingva Komitato, prilaboros la programon de tiuj kunsidoj. Ili esploras nun la demandojn kiuj estos prezentataj al la diskutoj de la kongreso.

La Organiza Komitato sciigos, je la konvena momento, al la esperantistaro, per postaj cirkuleroj, tiujn demandojn kaj ĉiujn detalojn pri la tuta organizo de la Kongreso de Genevo ; nun ĝi nur povas sciigi, ke la epoko elektita por tiu Kongreso estas la monato Septembro, kaj ke la programo enhavos ekskursojn en Vevey kaj en aliaj svisaj urboj

## PROPAGANDO EN LA KOMERCISTARO

Konsiderante ke la lingvo internacia Esperanto precipe disvastiĝis en la sciencularo kaj turistaro, sed ke ĝis nun tre malmultaj komercistoj aŭ industriistoj uzus ĝin, la komitato de la grupo de Amiens (Francujo) faras al la tutmonda esperantistaro la jenan proponon, kiu ne povis esti priparolata dum la Bulonja kongreso, pro manko da tempo :

Celante plirapidigi la esperantan propagandon, ĉiu esperantista grupo klopodos por ricevi de kiel eble plej granda nombro da industriistoj kaj komercistoj de ĝia urbo kaj ĉirkaŭa regiono senpagan aliĝon al Esperanto, kun la permeso enskribigi ilian firmon en nomaron preparotan de ĉiu grupo.

La diritaj industriistoj kaj komercistoj promesos siaparte ĉiam korespondadi *esperante* kun iu ajn fremda negocisto, kiu petos lin pri tio, kaj, por helpi ilin, la esperantista grupo afable proponus al ili senpagan tradukon de la unuaj korespondajoj kaj instruon okaze bezonan pri la lingvo internacia.

Ne estas necese ke tiu ĉi nomaro enhavu longan vicon da nomoj, sed kontraŭe estos necesega kondiĉo, ke ĉiu firmo enskribita donu precizajn informojn pri siaj propraj komercajoj kaj eble ankaŭ pri la landoj, en kiuj ĝi precipe dezirus havi korespondantojn.

Ĉiu grupo presigus sur folio de interkonsentita formato (ekz. komuna formato de komerca poŝtpapero) la diritan nomaron kaj sendus po kelkaj ekzempleroj al *ĉiu fremdlanda grupo.* Tiu ĉi bindigos zorge la senditajn foliojn kaj poste sciigos la negocistojn de sia regiono, ke ili povas tute libere informiĝi per la legado de tiu tutmonda nomaro, kiu kompreneble entenus nur tre gravajn firmojn.

Verŝajne per tia rimedo fariĝos, ke kel-

kaj negocistoj, iom post iom pli multnombraj, uzos la lingvon internacian, kaj sendube pli kaj pli ŝatos ĝian utilecon kaj superecon.

## INTERNACIAJ ENKETOJ

La enketoj estas en niaj nunaj moroj : pli kaj pli la jurnaloj kaj revuoj petas de siaj lernantoj ilian opinion pri tiu aŭ alia temo : ĉu vi preferas kuiradon per butero aŭ oleo ?; kion vi opinias pri la politiko de S-ro X (fama politikisto) ?; kiu estas via plej ŝatata sporto ? ; ĉu vi opinias ke homaro pliboniĝas ? kiu estos elektita prezidanto de la Respubliko kaj per kiom da voĉoj ? k.t.p.

Ĝis la lastaj jaroj, tiuj enketoj devige limiĝis al unu lando aŭ pli ĝuste al personoj parolantaj unu lingvon, do ili estis esence naciaj, kaj konsekvence neplenaj pri la temoj prezentantaj ĉiulandan intereson.

Sed kia senlima ekflugo ili estus povintaj kaj devintaj preni tuj kiam ekzistis en ĉiuj landoj homoj uzantaj saman komprenilon. Kiel estus interesa koni la opinion de homoj tiel malsimilaj, almenaŭ laŭ la ĝenerala kredo, kiel Francoj kaj Hinoj, Angloj kaj Rusoj, Germanoj kaj Hispanoj, Svedoj kaj Japonoj k.t.p.

Ŝajnas ke ia esperanta revuo estus devinta tuj « kapti la okazon ĉe la haroj ». Tamen tiu nova kaj riĉa minejo restis ne ekspluatita ; kaj se, escepte, tiaj enketoj okazis, tre malofte, ili estis ŝuldataj al progresemaj privatuloj, kun la plej granda plezuro, do, mi legis en la 6-a numero de nia « Illustration », laŭ la esprimo de S-ro Carlo Bourlet, ke tiu revuo, jam tiel riĉa en novaj kaj bonaj ideoj, malfermis serion de internaciaj enketoj.

Ŝajnas al mi ke tiu iniciativo de « Tra la Mondo » meritas ke oni atentigu la Esperantistaron pri ĝi, kaj ke ĉiuj la kompetentuloj devas respondi al la alvoko farita de l' profesoro Th. Rousseau pri la edukado en ĉiuj landoj, temo elektita por la unua enketo. Estante amikino de « Esperanto » kaj de « Tra la Mondo », niaj unuaj jurnalo kaj « Ilustrato », egale modernaj kaj progresemaj, mi opinias ke la unua ne povas ne paroli de la provo de l' dua.

Ĝi sukcesu ĉar la rezultatoj de tia enketoj, tradukitaj en naciajn lingvojn, povas esti nova kaj valora armilo en la manoj de niaj kunbatalantoj, montrante al skeptikuloj novan utilon de Esperanto.

Ĉiuokaze, tiuj enketoj kontentigas tiujn kiuj havas la saman difekton kiel mi, sen kiu mi ne estus virino, tio estas :

SCIEMULINO.

## ESPERANTA MIELKUKO

En Francujo, en kelke da orientaj departementoj, ekzistas aparta kutimo, je la okazo de la festo de Sankta Katarino, en la 25ª de novembro.

Je tiu dato, estas efektive laŭ kutimo donaci al siaj geparencoj kaj geamikoj mielkukojn.

En la panbutikoj, en la kukejoj, en la spicvendejoj, sur la placoj, en la budoj de la foiraj vendistoj, ĉie, mielkukoj ĉiuampleksaj, ĉiuformaj kaj ĉiukoloraj. Estas neniu tablo, kiel malriĉa aŭ riĉa ajn ĝi estas kie ne aperas en tiu tago la tradicia mielkuko de Sankta Katarino.

La membroj de la esperantista grupo de Vesoul ne volis ne respekti la lokajn kutimojn, kaj, la vendredon, 24ªⁿ de novembro, je la fino de sia supera ĉiusemajna kurso, ili prezentis al sia prezidanto kaj al sia vic-prezidantino esperantistan mielkukon.

La plej maljuna el la ĉeestantaj anoj, post kiam li estis dankinta per kelkaj vortoj la fondinton kaj prezidanton, S-ron Mossmann pro lia nelacebla sindoneco, donacis al li 80 centimetrojn grandan supersukeritan homon, kiu fiere tenis en la mano la verdan kvinpintan stelon kaj surhavis la jenajn vortojn sur la skarpo baranta la veston « ĉiam obstine antaŭen » kaj pli malsupre « al sia prezidanto, la grupanoj dankemaj ». Poste, la amindega kaj aktivega vic-prezidantino, fraŭlino Oliat, ricevis de unu el la junaj grupanoj kukan virinon, kredeble la edzinon de la prezidanta mielkuko, sur kiu oni legis « sen la virino, ĉio estas malprodukta » — « memoraĵo de la Vezulaj grupanoj. »

La morgaŭan tagon, antaŭ la kukoj elmetitaj en la montra fenestro de l' kukisto, multe da promenantoj ekhaltis kaj mirige deĉifris tiujn strangajn surskribaĵojn.

Mi estas tute certa ke neniam, ĝis nun, vorto de nia internacia lingvo estis skribita sur mielkukon, kaj ke la esperantistaj kukoj de la Vezulaj grupanoj estas novaĵo en esperantujo.

La unuaj ili estas, ni esperu ke ili ne estos la lastaj.

M. G. 10607.



## ESPERANTA ESPOZICIO EN AMIENS

En la jaro 1906-a okazos en urbo Amiens (Francujo), grandega Espozicio Nacia kaj parte Internacia, je kiu la grupo esperantista intencas partopreni. Je tiu-ĉi espozicio partoprenos ĉiuj plej gravaj firmoj de la pikarda kaj nordfranca industrio, multaj aliaj el la cetera Francujo, kaj eĉ kelkaj el eksterlando Ĝi estos enloĝigata sur la vastegaj herbejoj de la belega promenejo — La Hotoie — granda je 250.000 kvadratmetroj. Jam nun ok altegaj kaj grandegaj konstruaĵoj staras sur la espoziciejo, kaj multego da ĉiufakaj laboristoj penadas por starigi la ceterajn. Estas de nun certe, ke la Amiens'a espozicio estas gravega okazintaĵo kaj havas plenan sukceson. Ĝi estos certe, dum la tuta printempo kaj somero, vizitata de centmiloj da francoj kaj fremduloj.

Pro tio la grupo esperantista de Amiens petis kaj ricevis de la ĉefdirektoro apartan lokon por esperantista espozicio. La komitato opiniis, ke la plej forta efiko estas atingota, se estas precipe elmontrata la disvastiĝo de Esperanto en plej diversaj landoj de la mondo. Tial ĝi turnas sin konfideme al ĉiuj nefrancaj grupoj, al ĉiuj esperantaj eldonistoj, petanta, ke ĉiu el ili bonvolu sendi al ĝi po kelkaj specimenoj (du aŭ tri sufiĉos) de la diversaj revuoj aŭ gazetoj esperantaj kaj unu ekzempleron de la ĉefaj esperantaj eldonaĵoj. La Amiens-a grupo estas ankaŭ tre danka al la fremdlandaj esperantistoj, kiuj faros al ĝi la ĝentilecon sendi ĉu poŝtkarton, ĉu komercan prospekton, ĉu ian ajn interesan esperantaĵon.

Siavice la Amiens'a grupo faras, dum la tuta daŭro de la espozicio, specialan aranĝon, por ke ĉiuj fremdaj esperantistoj vizitantaj ĝian urbon trovu laŭbezone ĉe sia alveturo samideanon el la grupo por ilin gvidi kaj akompani.

Je la nomo de la komitato.

*La profesoro bibliotekisto,*
G. QUESTE.

## LINGVAJ KLARIGOJ
### de Dro ZAMENHOF

**La Akuzativo.**

La akuzativo en nia lingvo neniam dependas de la antaŭiranta prepozicio (ĉar la prepozicioj per si mem neniam postulas ĉe ni la akuzativon), sed nur de la *senco*. La akuzativon ni uzas nur en tri okazoj.

a) por montri la suferanton de la faro (t. e. post verboj havantaj sencon aktivan), ekzemple « mi batas lin », « mi diras la vorton » ;

b) por montri direkton (t. e. movadon *al* ia loko, en diferenco de movado *sur* ia loko), se la prepozicio mem tion ĉi ne montras ; ekzemple, ni diras « mi venas al la celo » (ne « al la celon »), ĉar « al » mem jam montras direkton, sed ni devas diferencigi inter « mi amas iri en la *urbo* » kaj « mi amas iri en la *urbon* » (aŭ simple « iri la urbon ») laŭ tio, ĉu mi amas iri sur la stratoj de la urbo aŭ ĉu mi amos iri el ekstere en la urbon (« iri al la urbo » signifas nur aliri, sed ne eniri) ;

c) en ĉiuj okazoj, kiam ni ne scias, kian prepozicion uzi, ni povas uzi la akuzativon anstataŭ la prepozicio « je » ; ekzemple en la esprimo « mi kontentiĝas tion ĉi » la akuzativo ne dependas de la verbo « kontentiĝas » sed anstataŭas nur la forlasitan prepozicion « je » (= mi kontentiĝas je tio ĉi).

*Esperantisto*, aprilo 1892.

* * *

Tuŝante la akuzativon mi povas al vi doni la jenan konsilon : uzu ĝin ĉiam nur en tiaj okazoj, kie vi vidas ke ĝi estas efektive necesa ; en ĉiuj aliaj okazoj kie vi ne scias, ĉu oni devas uzi la akuzativon aŭ la nominativon — uzu ĉian la *nominativon*. La akuzativo estas enkondukita nur el neceso, ĉar sen ĝi la senco ofte estus ne klara ; sed ĝia uzado en okazo de senbezono pli multe malbeligas la lingvon ol la neuzado en okazo de bezono.

*Esperantisto*, januaro 1890.

## BIBLIOGRAFIO

*Baldaŭ aperos :* Detala Raporto pri la Oficialaj paroladaj, disputadoj kaj decidoj de l'I-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, en Bulonjo-sur-Maro, la 5-9 aŭgusto 1905, kun aldono de l'Oficiala protokolaro. Laŭ la stenografiaj notoj verkita de Fr. SCHNEEBERGER, pastro, aŭtoro de l' *Lernolibro de Esperanta Stenografio* (Sistemo Stolze-Schrey).

Libro 60-paĝa kun kliŝaĵoj, fk. 1,30 *Stenografio*, Laŭfon (Svisujo).

## EKZERCOJ

### SALONAJ BABILOJ

H. — Oni sonorigas. Ĉu tio estas sinjoro L. ?

*Servisto.* — Ĉu Mastrina Moŝto volas ricevi sinjoron L. ?

H. — Enkonduku lin en la malgrandan salonon.

L. — Sinjorino, mi havas la honoron deziri al vi bonan tagon.

H. — Bonan tagon, sinjoro. Bonvolu sidiĝi. Kiel vi fartas ?

L. — Tre bone, sinjorino, mi dankas vin. Kaj vi mem ?

H. — Mi iom malvarmumis ; sed mi estas tre bonfarta hodiaŭ.

L. — Mi ĝojas ke mi vidas vin resaniĝita.

H. — Vi estas tre afabla pro tio ke vi pensis veni al mi. Jam de longa tempo mi ne havis la plezuron vidi vin.

L. — Mi prezentis min je kelkaj fojoj ĉe vin ; sed mi ne havis la feliĉon trovi vin hejme. Verŝajne oni transdonis al vi mian vizitkarton (aŭ karteton).

H. — Efektive, kaj mi tre bedaŭras ke mi ne estis hejme por vin ricevi.

L. — Kiel fartas via patra Moŝto ?

H. — Li estas malbonfarta de kelkaj tagoj ; li devas ne forlasi sian ĉambron.

L. — Tio faras al mi grandan malĝojon. Mi esperas ke tio estos sen graveco.

H. — Tio estas malmulto ; sed en sia aĝo li bezonas zorgojn.

L. — Ĉu via frata Moŝto ĉiam bonfartas ?

H. — Ho ! li havas feran sanon. Mi devas ĉiam diri al li ke li ŝparu sian sanon.

L. — Oni konas la valoron de la sano nur kiam oni perdis ĝin. Kaj kiel fraŭlino via fratino fartas ?

H. — Ŝi ne havas du sinsekvantajn tagojn de bona farto, kaj tamen ŝi plej bone sin gardas.

L. — Neniaj homoj perdas la sanon pli baldaŭ ol tiuj, kiuj tro zorgas konservi ĝin.

H. — Eble vi estas prava ; sed estas tre malfacile resti por ĉio en la ĝusta mezo.

L. — Tial la sano estas el ĉiuj trezoroj la plej multekosta kaj la plej malbone gardita.

H. — Al kiu vi diras tion ? Mi havas grandan fundon de sano, kaj tamen mi oftete malsanetiĝas.

L. — Oni ne supozus tion, ĉar vi havas ĉiam bonan mienon.

H. — Tio estas komplimento kiun vi faras al mi.

*Esperanto-jurnalo.*

## LETERFAKETO

S-ro *Romein*, en *Utreĥto*. — Vi povas elĉerpi kaj traduki ĉion kio plaĉas al vi en Esperanto-jurnalo.

La demandoj rilatantaj enketon pri la grupoj ne koncernas la nefrancajn lingvojn. Sed la Esperantista Centra Oficejo (51, rue de Clichy, Paris), ricevos plezure tiujn informojn.

* * *

S. P. en Beaune. — Dankon. Sed nenia virino edziĝas ; ŝi edziniĝas ; tial la franca vortludo estas nepre netradudebla esperante.

## POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj aŭ makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono, intenca perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankite ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUA ELEKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 jurnaloj.) | 2 50 | 4 » » |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 jurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 jurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 4 fk., poŝto plie.

## AVIZO AL ABONANTOJ

Se oni ne esprimas malan deziron, ni komencigas la novajn abonojn de unu el la lastaj numeroj. De kelkaj restas al ni nur tre malmulte da ekzemplerojn. Ni povas ilin liveri je la jenaj prezoj :

N-roj 2, 7, 8 k. 9 ĉiu 0.30
N-roj 3, 6, 10 k. 15 ĉiu 0.20

La 15 unuaj n-roj, afrankite 2 fr. 50

N-ron 1 ni ne vendas aparte de la kolekto 1905.

**Komerca vojaĝisto** pri paperaĵoj aŭ similaĵoj, partiano de Esperanto estas petata sin konigi al administranto de tiu gazeto, informante pri la lokojn kiujn li trairas dum siaj vojaĝoj.

SECONDE ANNÉE. — N° 17. Le Numéro : 10 CENTIMES. DIMANCHE 28 JANVIER 1906.




JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
**M. Paul BERTHELOT**
CERET (Pyr.-Or.) France.

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, **3** fr. pour le monde entier.
10 abonnements à la même adresse : **24** fr.
Edition de luxe : 12 numéros, **4** fr.

RÉDACTION :
**M. Ch. LAMBERT**
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

N'envoyer à la Rédaction rien de relatif à l'Administration.



*Le numéro* **18** *de* **Esperanto** *paraîtra*
*DIMANCHE 11 FÉVRIER*

## CORRESPONDANCE

*A M.* LAMBERT, *rédacteur en chef de* ESPERANTO.

Monsieur et cher Collègue,

Vous m'avez promis qu'*Esperanto* serait toujours impartial : vous ne me refuserez donc pas l'insertion des lignes suivantes, en réponse à un passage de l'article intitulé : Organisons la Victoire (31 déc. 1905).

« Tant que la Société a voulu, même « en restreignant son action à la France (1), régler dans notre pays toute « la propagande, tous les cours, toute « notre activité par une direction unique et rigide, l'œuvre a végété, mais « lorsque, sous l'impulsion du groupe « de Paris, etc. »

De quelle époque s'agit-il ? De 1898-1900 ? Mais en ce temps Diogène-de Beaufront (que Zamenhof doit se féliciter d'avoir rencontré, alors que ceux qui avaient des « titres universitaires » ne se montraient pas encore) cherchait un homme, et n'avait guère le temps de régler ni la propagande, ni les cours.

De 1900 à 1903, les groupes fondés à la suite de conférences de plusieurs d'entre nous, de Paris ou d'ailleurs, instituèrent spontanément des cours, sans que la S.f.p.E. soit intervenue, que je sache. Si donc on parle de direction unique et rigide, il faut absolument que ce soit après 1902, et la restriction : « Mais lorsque sous l'impulsion du groupe de Paris, etc. » ne signifie rien. On doit d'autant plus l'écarter que la phrase « même en restreignant son action à la France » indique une époque postérieure à 1902.

Donc les cours, depuis 1902-3, ont végété sous une direction unique. Mais comme, à partir de cette année, c'est à moi que le comité de la S.f.p.E. a bien voulu confier le service de l'enseignement — où, avec un tact parfait, M. de Beaufront n'est jamais intervenu — s'ils ont végété c'est à ma direction rigide qu'il le faut attribuer.

Ce qu'ignore l'auteur de l'article, c'est que les groupes ont toujours, *librement*, sans aucune immixtion de la S.f.p.E., réglé leurs cours ; ils les confient à qui ils veulent, y font ce qu'ils veulent, y prennent les Manuels qui leur conviennent : Boulogne-sur-Mer, je pense, Saint-Omer et d'autres villes en témoigneraient volontiers (2).

Mais, dira-t-on, il y a les examens. Eh bien, parlons-en. La S.f.p.E. a institué un certificat d'études *(atesto pri Lernado)* et un brevet de capacité *(atesto pri Kapableco)*. Ces examens, personne n'est tenu de les faire, et on ne saurait trouver mauvais que la Société réclame, puisque les diplômes sont délivrés en son nom, de qui veut les obtenir ou les conférer, certains droits et certaines garanties. Les copies sont envoyées corrigées à Paris avec un rapport sommaire de la commission locale.

Mais, dira-t-on, à quoi bon cela, si jamais, et par principe, on ne refuse de ratifier les décisions des jurys locaux ?

La voilà bien la rigidité ! Oui, pourquoi cela ? Mais tout simplement parce que — et surtout au début — il fallait absolument établir un certain niveau commun. Souvent nous avons dû écrire à l'un « vous pourriez être un peu moins sévère », à l'autre « vous semblez un peu trop indulgent ». Et puis aussi parce que, en certains cas embarrassants et surtout dans les petites villes, les jurys désirent parfois être couverts par une autorité étrangère. Est-ce donc si grave ?

Quand on a donné des instructions, on ne l'a jamais fait qu'à titre de simples indications, n'oubliant jamais qu'il n'y avait pas ici un supérieur parlant à des fonctionnaires.

Si donc les cours ont végété, la faute n'en est ni à l'unité ni à la rigidité de la direction. Mais, n'exagérons rien : sauf par ci par là les cours n'ont pas végété, bien au contraire.

Une fédération ferait-elle autrement et mieux ? c'est peu problable (1). On dira, peut-être, que chaque groupe instituera lui-même ses examens. Mais nos groupes actuels aussi en ont la possibilité : on ne les a jamais empêchés, que je sache, de délivrer, en leur nom et sous leur responsabilité, tous les diplômes qu'il peut leur plaire. Ils sont même libres de créer des docteurs, s'ils ont le goût des titres. Tout au plus leur rappellerait-on, avec un sourire bienveillant, que d'une chose légitime à une chose ridicule il n'y a souvent qu'un pas.

Permettez-moi d'ajouter encore deux mots.

Il est vraiment un peu risqué de dire que le Congrès n'a pas *osé*, alors que, manifestement, il n'a pas *voulu* créer de ligue ni de comité central *directeur*.

Quant au rôle que, par suite, l'auteur attribue au *Centra Oficejo*, celui-ci tiendra sans doute à s'en expliquer. C'est son affaire, non la mienne. Il est cependant inadmissible qu'on le présente comme une revanche partielle du Congrès de Boulogne, en espérant encore davantage du Congrès de Genève.

Cela, nous ne saurions l'accepter. Nous resterons prudents et conserverons jalousement à la propagande son caractère national. Nous ne désagrègerons point nos forces sous le fallacieux prétexte de les augmenter, nous éviterons résolument de remettre en question ce qu'un premier Congrès a sagement écarté et ainsi, sans grand tapage, sans rhétorique, sans parler d'organiser la victoire nous y travaillerons, ce qui, pour être moins éclatant, ne vaut que mieux.

C'est d'apôtres ou, si l'on veut, de missionnaires que l'Esperanto a besoin ; non de chefs, ni de stratèges.

TH. CART,
*Vice-président de la S.f.p.E.*

(1) 1902-3. Th. C.

(2) Si seuls certains Manuels sont portés au programme, c'est qu'il n'y en avait alors pas d'autres. Mais, depuis, tout maître a été libre de son choix, qu'il ait demandé avis ou non. Pour les lectures en vue de l'examen une seule a été imposée : l'*Hamlet*, de Zamenhof. J'estime que nous avons eu raison.

(1) Voir *Espérantiste*, n° de novembre, p. 220.

## POIGNÉE DE NOUVELLES

**Exemple à suivre.** — Le Groupe espérantiste de Paris vient de recevoir deux dons de la part de deux généreux anonymes.

L'un lui a envoyé *cent* francs, l'autre *deux cents* francs ; et il paraît que ce n'est qu'un commencement.

Ces largesses paraissent avoir été provoquées par le dernier article de notre collaborateur Carlo Bourlet, qui a mis en relief l'importance du mouvement espérantiste, disons mieux, de notre marche décisive vers la victoire.

Souhaitons que d'autres Mécènes, amis de l'Esperanto, suivent ce bel exemple !

* * *

**Paris.** — Le 8 janvier dernier, soirée littéraire et musicale espérantiste organisée par M. Fernand BLANGARIN, à l'Université Populaire *La Fraternelle*. Après l'audition de la valse espérantiste de F. de Ménil, trois élèves (gelernantoj) des cours de M. Blangarin, ont interprété la saynète de notre très sympathique professeur Th. Cart : *Une Heure d'Esperanto*.

M Georges Grosset a chanté *En Songo* de Rigoir et *La Vojo* de Deshayes ; il a été chaleureusement applaudi et rappelé plusieurs fois. M. F. Blangarin a ensuite raconté en esperanto la petite historiette bien connue des anciens élèves de M. Cart : *La Musoj* ; elle a été comprise de tout l'auditoire non espérantiste.

FI-BLAN-GO.

* * *

**Conférences.** — La *Revue Industrielle* de Nancy donne *in extenso* la belle conférence donnée par M. Maresquelle à la Société Industrielle de l'Est.

* * *

*Le Creusot :*

Grande victoire pour la langue internationale. Le 14 janvier, MM. SCHNEIDER et Cie, dont les usines sont connues du monde entier, ont mis à la disposition de l'infatigable conférencier, M. BORD, leur magnifique salle de musique, et là, devant près de 1.000 personnes de tout âge, le sympathique professeur a démontré l'utilité et la nécessité de l'*Esperanto*.

Ça été une révélation pour l'auditoire et, après la conférence, nombreuses furent les personnes qui réclamaient soit la fondation d'un groupe, soit l'organisation des cours.

* * *

*Chalon-sur-Saône :*

*La Société des Amis de l'Instruction* a donné une conférence sur le *Congrès de Boulogne*, le 27 décembre, à la salle des fêtes de l'Hôtel de Ville. Le conférencier bien connu, M. BORD, a raconté les résultats magnifiques obtenus depuis l'été dernier et contribué ainsi à grossir les rangs du groupe chalonnais de nouveaux adeptes. M. le Maire de Chalon présidait.

* * *

*A Versailles*, le mercredi 24 janvier, à 8 h. 1/2, conférence à l'Hôtel de Ville par M. AYMONIER, professeur au Lycée Hoche, illustrée de belles projections électriques dues à l'habileté de M. KRUYDT, préparateur au Lycée.

* * *

Une excellente conférence de M. Blanjean a implanté l'esperanto à *Huy*.

* * *

**Cours.** — *A Versailles*, un cours public et gratuit, où les dames et jeunes filles sont admises, commencera le *mercredi 31 janvier*, à l'Hôtel de Ville (salle des cours publics), à 8 h. 1/2 du soir, pour se continuer tous les mercredis à la même heure.

* * *

*Anvers :*

Nous avons de bonnes nouvelles des cours d'esperanto qui se donnent en ville. Celui des hommes, au Cercle espérantiste, traverse Royale, réunit cinquante auditeurs assidus ; celui des dames, rue du Chêne, compte un auditoire féminin d'une quarantaine de personnes. Le premier se donne le samedi, à 9 heures du soir, le second le vendredi, à 5 heures.

Il y a déjà des jeunes filles qui parlent fort gentiment l'esperanto.

* * *

*Montauban :*

M. Lespinasse, avocat, fait dans cette ville un cours d'esperanto qui est suivi par une cinquantaine de personnes.

* * *

*Béziers :*

Chaque dimanche, à neuf heures du matin, place Saint-Aphrodise, 44, conversation et application de la méthode Berlitz à l'esperanto.

* * *

Le grand champion de l'esperanto en Belgique, — et en même temps explorateur au Congo Belge, — M. le capitaine LEMAIRE, vient de recevoir de la Société de Géographie d'Anvers la grande médaille d'or qu'elle décerne chaque année à l'explorateur qu'elle en juge le plus digne.

Toutes nos félicitations.

*(Belga Sonorilo).*

* * *

L'Union des Sociétés neutres de Sourds-Muets s'est ralliée au mouvement espérantin.

A l'Institut Royal de Sourds-Muets et Aveugles de Woluwe-Saint-Lambert (Belgique), de nombreux élèves du frère ISIDORE comprennent, écrivent et *parlent* l'Esperanto, grâce à la patience et au dévouement de leur admirable maître.

## SOUVENIRS DE DÉCLANCHEMENT

L'article « Organisons la Victoire », paru dans le n° 15 d'*Esperanto*, montre une fois de plus combien il est difficile d'écrire l'histoire. Et l'autorité même qui s'attache à tout ce qu'écrit son auteur, me fait un devoir d'apporter quelques compléments à une documentation réellement insuffisante.

Je ne puis, en effet, laisser accréditer la légende qui fait de Dijon et de l'an 1900 le point de départ et la date initiale de la diffusion de notre langue. Je veux bien que l'on ait constaté, postérieurement à 1900, que l'Esperanto *se trouvait* déclanché. Mais, s'il en était ainsi, c'est que le bouton avait été pressé antérieurement, et avec énergie, par plus d'un « homme », qu'il n'est pas juste de passer sous silence.

Je viens de mettre le mot « homme » entre guillemets, pour répondre à la manière dont il a été souligné dans l'article en question. Je suis très enclin à reprendre à mon compte le mot historique « France, guéris-toi des individus ! » et je ne crois donc nullement que M. de Beaufront, au début, ait eu un tel besoin de trouver un « homme », une sorte de Napoléon de l'Esperanto. Je ne crois pas davantage que des titres universitaires aient été l'instrument indispensable sans lequel M. de Beaufront ne pouvait aboutir, ni que des parchemins suffisent à distinguer un « homme » d'un simple propagandiste. Zamenhof n'est point un universitaire, et a fait pourtant d'assez bonne besogne. Un mouvement comme celui qu'il a déterminé n'est pas une question de diplôme, et ne saurait se ramener aux médiocres proportions d'une rivalité entre normaliens, polytechniciens, chartistes, et... *vulgum pecus*. Les conditions à demander au bon propagandiste sont la foi, le désintéressement, et surtout la persévérance ; les titres importent peu.

Sur ce point, d'ailleurs, l'article a déçu le lecteur. Puisque, au début, il ne manquait à l'Esperanto qu'un *homme*, je dirai même plutôt un *sur-homme*, et que, plus tard, le « déclanchement » a été constaté, c'est donc que, dans l'intervalle, le sauveur tant désiré était apparu : on aimerait à connaître son nom, pour lui élever la statue qu'il mérite.

La réalité est plus simple, et ne tient aucunement du miracle. Comme toute grande idée nouvelle, l'Esperanto a trouvé des propagateurs dont le nombre, d'abord dérisoire, s'est accru, lentement au début, puis de plus en plus vite. Un jour est venu où, à force d'efforts, ils ont fini par atteindre et entamer la masse du gros public. Et alors, ceux qui venaient justement de se joindre à eux, et n'avaient donc pas connu les rebuffades et les amertumes du début, ont pu croire que la victoire avait été remportée d'enthousiasme, comme au jour de Valmy.

Voici quels sont, sur les débuts de l'Esperanto en France, mes souvenirs personnels.

* * *

A ma connaissance, c'est M. de Beaufront qui est le doyen des espérantistes de France, son adhésion datant de 1888, et non de 1890. Puis vint M. Demonget, au début de 1889, et j'arrivai troisième, l'été de la même année 1889, à la suite de la lecture d'un filet paru dans je ne sais plus quel journal. Je me mis aussitôt en correspondance avec le Dr Zamenhof, qui omit pourtant de m'inscrire sur son premier *Adresaro* ; sur ma réclamation, il me porta sur le second, de sorte que je n'ai que le numéro 1311, au lieu d'un bien plus bas qui devrait me revenir.

J'étais alors à Lorient, comme capitaine d'artillerie, membre de la Commission d'expériences de la Marine ; et je ne pus recueillir là-bas que de bien rares adhésions, entre autres celle d'un distingué ingénieur de la marine, mon arrière-conscrit Pornay, mort depuis.

Les temps étaient durs, à cette époque, pour les partisans d'une langue internationale, et les adhésions obtenues alors peuvent compter double : les hommes occupant une certaine situation, et qui préféraient la qualification d' « homme serieux » à celle d'utopiste déséquilibré, tendaient plutôt à se dérober ! J'en fis encore l'expérience

